9ª Jaro 1912.  Majo 1912.

Unum ovile et unus pastor.
Unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.
(Joh., X, 16.)

# ESPERO KATOLIKA

INTERNACIA MONATA GAZETO, OFICIALA ORGANO de I. K. U. E.

## Asumpto de la S-ta Dipatrino.

**Prediko, dirita en la Preĝejo de S-ta Jakobo en Hago, la 15-an de Aŭgusto 1911-a.**

Jakobo, ricevinte la patran benon, forvojaĝis Mezopotamion kaj, dum sia irado, haltinte por pasigi la nokton, li sonĝis: jen ŝtuparo staras sur tero, kaj ĝia supro atingas la ĉielon, kaj jen anĝeloj de Dio iras sur ĝi supren kaj malsupren. Kaj jen la Eternulo staras sur ĝi kaj diras: „Mi estas la Eternulo, la Dio de via patro Abraham kaj la Dio de Izaak: kaj la teron, sur kiu vi kuŝas, mi donos al vi... Mi estas kun vi kaj mi gardos vin ĉien, kien vi iros kaj mi revenigos vin sur ĉi tiun teron" (Gen. XXVIII).

Karaj Gefratoj!

Per tiu-ĉi vizio Dio volis kuraĝigi Jakobon en liaj penadoj kaj ĉagrenoj; kaj Jakobo, fidante Dion, suferis pacience, kiel sanktulo, la maljustaĵojn de l' homoj, kaj fine li ricevis de Dio la plenumon de tiel belaj promesoj.

Ankaŭ al ni, filoj *laŭ fido* de Abrahamo, Izaako kaj Jakobo, la S-ta Eklezio, je l' nomo de Dio hodiaŭ vidigas ŝtuparon plej belan je virtoj, kiu de l' tero atingas la ĉielon kaj kiun supreniris la plej Sankta Virgulino Mario;

promesas feliĉegan patrujon en la regno de l' vivuloj, *in regione vivorum*. Ni tion vidu.

*1. Non habemus hic manentem civitatem, sed futuram inquirimus* (H. XIII, 14). Ni ne havas surtere daŭrigan civiton, sed ni celas atingi estontan en la ĉieloj. Sed por supreniri la ĉielan ŝtuparon post Mario, kiu estas por ni ŝtuparo de virtoj, ni devas esti puraj kiel anĝeloj de Dio, puraj, kiel donis al ni ekzemplon la Dipatrino. Pro tio la Eklezio prezentas al ni Marion per figuroj plej puraj kaj senkulpaj, prezentas al ni Marion per vortoj de la S-ta Biblio, kies *virto konvertigas la animojn, lumigas la korojn estante sanktaj kaj eternaj* (Ps. XVIII).

Ni uzu do, laŭ Eklezia instruo, la vortojn de la S-ta Biblio kiel ŝtupojn por supreniri, kiel Mario, ŝtuparon de l' virto kaj senkulpeco, ŝtuparon de l' ĉielo.

*Ego quasi vitis.* Mario estas simila al vinberarbo, kiu florante, donas plej bonan odoron, kaj poste frukton plej honoran kaj agrablan (Eccl, XXIV); Mario estas simila al olivarbo, kies frukto nutras kaj kuracas; Mario estas simila al palmo, al rozo, al platano, al cinamo, al balzamo, al mirho. Prezentante al ni Marion per tiuj belaj komparoj, la Eklezio celas purigi niajn korinklinojn por nin levigi al la Kreinto post Mario, kiu estas *la tute sankta, la respektinda, la nova kaj mirinda kreitaĵo, la unua filino de Dio, la rozo sendorna farita per la manoj de Dio,* kiel ŝin alvokas la grekaj patroj. Ho Mario, la graco-plena, preĝu por ni pekuloj por ke ŝia benata Filo, la Savinto nin savu meze de teraj danĝeroj. Ho Mario, la Patrino de la bela amo, nin helpu ami Dion kaj fratojn, nin helpu iĝi puraj kiel la anĝeloj de Dio, nin helpu supreniri la ĉielan ŝtuparon al Dio.

2. *Sed ni levu jam la okulojn al la montoj, de kie venos al ni helpo.* (Ps. 121) *Quasi cedrus exaltata sum in Libano*: Libano estas monto disiganta teron sanktan de ne-sankta, estas bela krono de l' Palestino; simile Mario disigas veran Religion de ne-vera; estas la plej bela krono de la Krist-Eklezio. *Et sic in Sion firmata sum . . . . quasi cypressus in monte Sion*; Ciono estas la *Sankta*

*Urbo* sur montoj, la Davida Urbo, kie estis la templo de l' Sinjoro. Sekve Ciono estas granda en la historio, estis granda, ĉar ĝi estis kiel koro de vera Religio, estas ankoraŭ granda en la koroj de l' filoj de Izraelo, en la koroj de ĉiuj Kristanoj; estas ankaŭ granda, ĉar ĝi estas ankoraŭ la sidejo de l' granda Reĝo, kiam post konvertiĝo al Kristo de ĉiuj popoloj, konvertiĝos eĉ Izraelo (Mt. X, 35; R. XI, 25-26). Granda estas Ciono kiel figuro de la tera kaj ĉiela Krist-Eklezio (H. XII. 22). Simile Mario, bela kiel cipresoj de l' Monto Cion, estas granda, ĉar ŝi donis homan korpon al la Filo de Dio, sekve ŝi estas kiel koro de l' Religio; ŝi estas Reĝino de l' tero kaj de l' ĉielo estante Patrino de la Filo de Dio.

*3.* Meditinte la signifon de la teraj belaĵoj, forĵetinte de ni ĉian nepuremon, la Eklezio volas jam, ke ni alten flugu kun Mario. Mario estas bela, *quasi aurora consurgens.* Mario kiel aŭroro . . . puriga, ĝojega pentraĵo de l' Espero, de l' ĝojo, de l' senkulpeco, de l' anima trankvileco. Sed ni jam ekflugu kun Mario *pulchra ut luna.* Kiel luno nin lumigas dum nokto, Mario per sia ekzemplo nin lumigas dum la nuna vivo, ĝis kiam tagiĝos la eterneco en niaj koroj. (2 Petr. I, 19). Sed ni devas supreniri ankoraŭ, ĉar luno per ĝiaj fazoj similas ŝanĝemon de l' teraj estaĵoj, sekve ni supreniru ankoraŭ. *Maria elekta ut sol*: la vera suno, *kiu lumigas ĉiun homon venantan en la mondon* estas Jesu-Kristo, ni do aliru Jesuon per Mario, ĉar *per li estis ĉio farita,* de li ni ĉion ricevis kaj ricevos: *de plenitudine ejus omnes nos accepimus* (Jo. I, 16), ĉar en li estas ĉia Di-pleneco por purigi en lia sango terajn kaj ĉielajn kreitaĵojn. (Kol. I, 20; II, 16). Ni do faru kun Mario lastan flugadon: *Assumpta est Maria in cœlum, gaudent Angeli, laudantes benedicunt Dominum.* Jen Mario supreniris sian ŝtuparon de la tero al la ĉielo per animo kaj korpo; supreniris ŝtuparon de l' virtoj, de l' premio, de l' gloro kaj jam iĝis tiu *mulier amicta sole, et luna sub pedibus ejus et in capite ejus corona stellarum duodecim* (Apok. XII), virino sune vestita, kun luno sub piedoj kaj kun krono el dekdu steloj ĉirkaŭ sia kapo. Ŝia suna vesto signifas ŝian

gloron, ŝiaj piedoj sur luno ŝian potencon sur tero, dekdu steloj, la tribuojn de Izraelo kaj la gentojn redemitaj de Kristo.

Kaj nun vi, Mario, povas rekanti: *Fecit mihi magna qui potens est*: la Potenculo plenumis en mi grandajn farojn, kaj ni, viaj filoj, kun la Eklezio povas diri al vi la vortojn de Kristo: „*Maria optimam partem elegit quae non auferetur ab ea* (Luk. X, 42).

4. Karaj gefratoj, ni ĝojegu pri la gloro de nia Sankta Dipatrino, ĉar ŝi estas ankaŭ patrino nia, ĉar ni estas multaj en unu korpo, en Kristo (R. XII, 5); Mario estas patrino de Kristo ne nur por ke li homiĝu, sed ankaŭ por ke li estu la Savanto de l' homoj; kaj Jesuo per enkarniĝo kunigis al si ankaŭ korpon spiritan el kredontaj en li; tiel Mario, portante en si la Savanto, portis ankaŭ tiujn, kies vivo estis la Savanto mem, kaj ni kristanoj estas membroj de l' korpo lia, de l' karno lia, de l' ostoj liaj (Ef. V. 3); sekve ni eliris el Mario kiel membroj unitaj al korpo, sekve Mario estas patrino nia, ĉar ŝi estas patrino de la membroj de Kristo. (Pio X-a *ad diem* 2 Febr. 1904).

5. Kaj nun, karaj gefratoj, el tiu ĉiu valo de larmoj ni levu la okulojn, levu la korojn post Mario: ni supreniru kun ŝi la ŝtuparon de l' virtoj ĉiam sentime, ĉar Mario montras al ni *la vojon, la veron, la vivon*: sia benata Filo, kiu staras supre dekstre de la virto de Dio kaj nin helpas; kun li ni ĉion povas; ni bataladu la sanktan batalon kiel bonaj, fortaj soldatoj de Kristo en militanta Eklezio por atingi la kronon de l' gloro en la triumfanta. Amen.

---

# UNU ŜAFEJO KAJ UNU PAŜTANTO.

(El A. Ap. S. vidu No. 15, — 10 Nov. 1911 — Letero de P. Pio X.)

Al Ĉefepiskopoj kaj Episkopoj en Kanado.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

„Kvankam, River. Fr., tion, kio precipe nuntempe estas „farota, per vi mem vi vidas, tamen estas kelke da aferoj, „kiuj devigas al Ni specialan postuli vian diligentecon.

„Unue do Ni volas, ke vi prudente ja, sed daŭrige klo- „podadu por entute forigi inter katolikoj ĉiujn ajn disiĝojn „aŭ disputojn, kiuj pro diverseco de raso aŭ lingvo trud- „eme enŝoviĝas; ĉar nenio inter anoj de l' sama kredo, „de l' sama aro tiom decas, kiom entute unuanime esti „pacemaj; kaj nenio en tiuj vastegaj regionoj por antaŭen- puŝi la religiaĵojn estas pli necesa ol kora harmonio kaj interkonsento.

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

„— Plue, tio, kion Ni precipe deziregas kaj rekomendas „al via plej granda zorgo, tio estas, ke vi invitu la de Ni, „rilate al kredo, disiĝintojn, por ke ili el eraro revokitaj, „revenu al Eklezia unuiĝo. Ĉar por piaj pastroj ne sole „estas ofico: vigladi, ke ŝafoj aritaj ne foriĝu, sed ankaŭ: ke ili rekonduku la disajn.

„Ĉar tiaj nu estas la ne-katolikaj Kanadanoj, estas be- zone, vidiginte la lumon de l' vereco, diligente al ili liber- „igi kaj pretigi la eniron en la unu ŝafejon de Jezu- Kristo. (Pio P.P. X.)

Multsignifa, alkuraĝiganta kaj stimulanta sendube, estas la ĉi supre citita letero de nia S-ta Papa Moŝto por ni ĉiuj, Esperantistoj, anoj de I. K. U. E., kiu celas antaŭ ĉio kaj kies oficiala organo E. K. havas por devizo: *unu ŝafejo kaj unu paŝtanto.*

Ĉu ne multe da diritaĵoj, por ni tre signifaj, troviĝas en tiuj memorindaj vortoj papaj:

[1]) La situacio en Kanado postulas specialan diligentecon de l' Ĉefpastroj, — ĉar

[2]) Disiĝo enŝoviĝas inter la Katolikoj de Kanado,
[3]) *Kialo* de malpaco estas diverseco de *raso* kaj *lingvo.* (En la latina letero papa ni legas: *„propter"*, tio sendube signifas: *pro* aŭ *kaŭze je.*),
[4]) Katolikoj devas esti unuanime pacemaj;
Inter Katolikoj devas esti kora harmonio kaj interkonsento, kiel plej necesa por religio kaj eklezio. —

. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

[5]) Plue deziregо de l' Papo = rekonduki la ne-katolikojn al la Roma Eklezio.
[6]) Ĉi tio estas ofico de l' Pastroj kaj bezone estas, ke ili klopodadu en tiun direkton por la ne-katolikoj en Kanado.

Ni estas feliĉaj konstati, ke I. K. U. E. klopodegas multmaniere por plenumi deziresprimojn suprajn; ke niaj pioniroj en *Kanado*: P-ro *Decoene* k.t.p. jam parte efektivigis ilin.

Donu Dio, ke nia Kat. Esp. stelo pli, ĉiam pli, gvidadu multege da gefratoj por realigi la papajn deziregojn, ne nur por Kanado, sed por la tuta mondo: *Paco sur tero, unu Ŝafejo* kaj *Gloro al la unu vera Dio.*

P-ro. F. SEVERIJNS, O. S. Kr.
S-ta Agato.

---

# De blanka stelo. . .

Skizo de Paul KELLER. El la germana ĵurnalo „Guckkasten" tradukita de Christian PFEUFER, München, kun permeso de l'aŭtoro.

De blanka stelo eliris radio. Tiu stelo estis granda, malproksima suno, centfoje pli granda ol la suno, kiu brilas sur nian teron; ĝi ardis en ĉieloj kaj ĝiaj regionoj, al kiuj neniam penetras eĉ lumero de nia malgranda astreto. Kaj tamen la radio aliris al la tero, direktis sian longan vojon tra la profundeco de l'universo al la homoj.

Kiam la radio eliris de tiu malproksima suno sur la teron, Abraham paŝtis la ŝafojn. Kaj kiomfoje batis la koro

de l'patriarĥo, tiomfoje flugis la radio milojn, dekmilojn da mejloj tra l'universo por saluti la justulon de Dio. Sed la vojo estis tro longa. Abraham mortis kaj la radio estis ankoraŭ eonojn for de nia tero.

Sed ĝi rapidis . . . rapidis dekmilojn da mejloj en ĉiu sekundo dum longaj tempospacoj, dum miljaroj. Kaj kiam la anĝeloj malleviĝis al la kampoj de Betlehem, kiam la stranga stelo de l'Dia Infano iris al la tero, jen tremis la radio pro tio, ke ankaŭ ĝi lumos al la ĉarma miraklo, sed . . . . . . . ĝi estis ankoraŭ eonojn for de la tero.

Kaj ree post multaj centjaroj kantado sonis tra l'universo: la plej granda poeto kantis la plej subliman poemon. Sed Dante mortis en ekzilo kaj la radio estis ankoraŭ eonojn for de la tero.

Kaj la radio, kiu eliris,. kiam Abraham paŝtis la ŝafojn, venis al la tero, kiam finiĝis nia jaro. Ĝia ora lumo flugis tra nia aero, ĉirkaŭbrilis, por trafi ion grandan, kio kompensu la miljare longan vojon, kaj ĝi falis al folio de papero.

Sur ĝin homo estis skribinta: „Ne estas Dio!"

Kaj la ora radio mortis.

Sed la viro, kiu skribis la malspritan vorton, kaj kiu vidis morti la radion, fermis la okulojn dum kelkaj momentoj kaj pripensis, el kiu distanco estis alveninta la ora fajrereto, kaj li sciis: la senfine malproksima suno, kiu estis forsendinta la radion, kiu bezonis kvar mil jarojn por veni al ni, kvankam ĝi flugis en ĉiu sekundo dekmilojn da mejloj, tiu malproksima suno estas en la universo, kiu ja neniam, nenie povas havi finon, nia proksima najbaro.

Kaj frostotremo flugis tra la mizera animo de l'neganto.

---

# LA NOMO DE MARIO.

Diru min, ĉarmo de la junularo,
Kion vi juĝas esti plej laŭdinda
Inter la revoj? Kion plej aminda
Sur la ĉielo, tero kaj en maro?

Klare, malkaŝe, mia opinio
Estas konvinko: mia rava celo
Sur la aero, maro kaj ĉielo,
*Estas la dolĉa nomo de Mario.*

Kaj inter ĉiuj floroj kaj aromoj
Nin ĉirkaŭantaj por la Dia amo,
Kiuj vin ravas pro la sia famo?
Kiuj, vi kredas esti ties nomoj?

Mi plej sincere diros nun pri tio,
Ke la parfumo plej bela kaj rava,
Plej bonodora, kaj plej odorhava,
*Estas la dolĉa nomo de Mario.*

Kaj inter ĉiuj ruĝegaj diantoj,
Rozoj, konvaloj, mirtoj kaj jazmenoj,
Kaj ĉiaj floroj el ĉiuj gardenoj,
Kiu pli bela estas, ol lekantoj?

Jen senescepte mia simpatio:
La plej belega el ĉiuj koloroj,
Pli nuancita, ol nuancaj floroj,
*Estas la dolĉa nomo de Mario.*

Mi vin demandos, kvankam vin lacigos,
Ree, respondu: en la kreitaro,
Kiu estaĵo inter la homaro
Ĉian belecon en si mem kunigas?

Kio, brilanta pli ol suno, kio
Plena je gloro de l'ĉielo venas,
Kaj ĉiajn virtojn en si mem entenas?
*Estas la dolĉa nomo de Mario.*

PASTRO MARIANO MOJADO.

(El *Amerika Esperantisto*).

# OFICIALAJ SCIIGOJ.

**Pri „Espero Katolika".**

Oni scias, ke dum „Nia Dua" en Hago estis decidite, starigi akcian societon por ebligi aĉeton de *Espero Katolika* kaj ĝian eldonon kiel oficialan organon de I. K. U. E. En la Nov. N-o (n-o 79) ni sciigis, ke ni „aĉetis *Espero Katolika* „de la nuna posedanto por kaj je nomo de I. K. U. E., ce- „lante kiel eble plej baldaŭ starigi internacian societon, „konsistantan el membroj de I. K. U. E. kaj tiam transdoni „la posedaĵon de *Espero Katolika* al tiu societo."

Interkonsente kun Ŝtatkonsilanto Mr. Th. BORRET, nia leĝa konsilanto, ni komisiis al S-ro A. M. B. SMULDERS, notario en Oud-Gastel (Nederl.) projekti kun ni la statutojn de la starigota anonima akcia societo. Post ricevo de la reĝina aprobo la akcia societo estis starigita la 1an de Majo 1912 per notaria akto; ĉar notario SMULDERS estas frato de la direktoro-redaktoro, laŭ Nederlanda leĝo li estis kolege anstataŭata de notario J. J. M. MERTENS en Roosendaal (Nederl.).

Ĉeestis la du notarioj, la direktoro-redaktoro (D-ro SMULDERS), la direktoro-administranto (S-ro SLEIJFFERS), kiu lasta kun S-roj Frans KNAAPEN kaj GOVERS, nome de la akciuloj, deklaris starigi la *„Anoniman Akcian Societon: Internacia Eldona Societo „Espero Katolika."*

Do la subskribantoj, provizoroj posedintoj de *E. K.*, la 1an de Majo 1912, sendigis per notario al abato DUVAUX, la antaŭa posedinto, laŭ kontrakto la vendsumon de *Espero Katolika*, kaj samtempe transdonis la provizoran posedon de *E. K.* al la laŭleĝe kaj oficiale starigita Akcia Societo. De nun *Espero Katolika* do estas la posedaĵo de la internacia akciularo, kies nomojn oni trovas en *E. K.* Aprilo 1912 (n-o 84) p. 160.

Plenuminte laŭpove kaj laŭdeve la al ni komisiitan taskon, ni adiaŭas, dezirante al la nova Akcia Societo kaj al *Espero Katolika* plej bonan sukceson por pli granda gloro al Dio.

La provizore posedintoj de E. K.:

D-ro SMULDERS. P-ro A. RICHARDSON.

## Anonima Akcia Societo: „Internacia Eldona Societo: Espero Katolika"

**Direktoroj:**
D-ro SMULDERS, redaktoro.
S-ro Fr. SLEIJFFERS, administranto.
**Komisaroj:**
S-ro Frans KNAAPEN, prezidanto.
S-ro H. HÖFELER, sekretario.
S-ro H. B. VAN ZWET.
**Ĉefa Eldono**:
*„Espero Katolika"*,
internacia monata revuo, oficiala organo de I. K. U. E.
Religia direktoro: P-ro A. RICHARDSON.

Ĉar la reĝina aprobo de la Statutoj alvenis la 30an de Aprilo, la **Statutoj kaj la akciaj paperoj** ne povis esti pretaj la 1an de Majo. La akciuloj ilin ricevos kiel eble plej baldaŭ.

**Adresoj de E. K.** De nun oni sendu ĉion koncernantan la *redakcion* al D-ro SMULDERS, Schijndel, Nederlando, kaj ĉion koncernantan la *administracion* al S-ro Fr. SLEIJFFERS, Prins Hendrikstr. 93, Den Haag (Hago), Nederlando.

**Novaj akciuloj**. Tiuj, kiuj ankoraŭ deziras aĉeti akciojn kun rajto partopreni al la *Ĝenerala Kunveno* de akciuloj jam dum „Nia Tria" en Budapest, bonvolu sendi la akcian monon (60.50 nederlandajn guldenojn) al la administracio, kiu ankaŭ donos ĉiujn deziritajn informojn. Ni atentigas speciale al art. 6 de la statutoj:

La Societo akceptas nur *unu* posedanton po ĉiu akcio.

Se iu Esperantista Ligo, Societo aŭ Sekcio, ĉu kiel tia per kontribucioj, el sia kaso, ĉu per siaj anoj individue kun personaj kontribucioj, deziras partopreni en la Societa kapitalo, tio estos ebla laŭ la jena maniero:

La prezidanto de tia Ligo, Societo aŭ Sekcio fariĝos akciulo; ĉe la „jenomigo" de la akcio, sur ĝi estos skribe aldonite, ke li estas akciulo en sia kvalito de prezidanto; la Akcia Societo tamen akceptas kiel posedanton de tiaj akcioj *nur* kaj *ekskluzive* tiun prezidanton; la Akcia Societo ne havas iun respondecon rilate al la aranĝoj faritaj inter tiu prezidanto unuflanke, kaj la Ligo, Societo aŭ Sekcio de li reprezentata aŭ iliaj anoj, aliflanke.

Ĉar estas dezirinde, ke la Akcia Societo estu kiel eble plej internacia, ni esperas, ke precipe aĉetos akciojn personoj el landoj, kiuj ne ankoraŭ estas reprezentitaj.

**Junia kunveno de komisaroj kaj direktoroj; ĝenerala kunveno de akciuloj en Aŭgusto 1912.** En art. 17 de la statutoj ni legas i. a.:

Komisaroj unufoje ĉiujare kunsidos inter si, antaŭ la 15a de Junio; kaj post finiĝo de tiu kunsido ili denove kunsidos kune kun la Direktoroj . . . . .

En art. 20 ni legas, ke la ĝenerala kunveno de akciuloj estas difinita i. a. por:

D. la pritraktado pri aliaj temoj, kiuj de la Komisar'aro post interkonsiliĝo kun Direktoroj, estas metitaj sur la agendon.

La akciuloj do, kiuj deziras priparoligi iun demandon pri E. K. dum tiu Junia kunveno de komisaroj kaj direktoroj; aŭ kiuj deziras metigi ĝin sur la agendon de la ĝenerala kunveno, skribu **antaŭ la unua de Junio 1912** al la Prezidant-komisaro, S-ro Frans KNAAPEN, Tilburg (Nederlando).

---

## Komisiono pri Organizado de I. K. U. E.

(Vidu E. K. Okt. 1911 (N-ro 78) p. 243 k. s.)

Tuj post starigo de la Akcia Societo *Espero Katolika*, mi sciigas al la membroj de supre nomita komisiono kaj al la legantoj de E. K., ke mi, pro la multego da laboroj por la starigo de la Akcia Societo, la redaktado de E. K. kaj la senfina korespondado, ne havis tempon ne nur por verki la regularon de I. K. U. E., sed eĉ por simple *pensi* pri tiu afero. — Ĉu nun post la grava laboro finita, ankaŭ la laboro pri organizado de I. K. U. E., tiel grava kaj urĝa, ankoraŭ estos finita antaŭ „Nia Tria"? Mi ne scias! Multe dependos de la kunlaboro de la membroj de la organiza komitato, kiuj dum 8 monatoj povis pripensi la aferon. Do mi atendas la opiniojn, projektojn, proponojn de la komisionanoj kiel eble plej baldaŭ. Se mi, kiel ĝis nun (escepte respondon de Frato ISIDORO en Sept. 1911), ricevos de neniu eĉ ne litereton, ŝajnas al mi neeble, an-

kaŭ finigi la starigon de plena projekto de I. K. U. E.-organizado antaŭ la Budapesta Kongreso. Oni do estas afable petata alsendi siajn opiniojn plej baldaŭ.

*La Prezidanto de la Komisiono*
*pri Organizado de I. K. U. E.*
D-ro SMULDERS.

---

## Tria Internacia Kongreso de la Katolikoj Esperantistaj, Budapest, 22—23 de Aŭgusto 1912.

### Unua Cirkulero.

La loka Organiza Komitato atendis ĝis nun, por eldoni la unuan cirkuleron, kiam gi povas jam raporti pri la forigo de ĉiuj malhelpoj, pri plenumitaj taskoj, unuvorte kiam ĝi povas prezenti rezultatojn.

*Organiza Komitato.* Por la organizado de la kongreso fondiĝis Loka Komitato, kiu kunigas en si reprezentantojn de ĉefpastraro, scienco, politiko, esperanta movado. Prezidanto estas Lia Prelata Moŝto D-ro Aleksandro Giesswein, parlament-delegito, prezidanto de Hungarlanda Esperanta Societo, de Hungara Pacifista Societo, de Tutlanda Lerneja Komitato. Ĉefsekretario: dr. CYRILLO VÖRÖS. Administranta sekretario: Karlino MANGLITZ (adreso: Budapest IX. Ullöi ut 59.) Komitatanoj: univ. prof. dr. Johano KISA, dr. Stefano ZSEMBERY, direktoro de la Hungarlanda Katolika Federacio, Tiborco Révay, ĉefepiskopa sekretario, dr. advokato Julio BARANSKY, membro de la ĉefurba Magistrataro k. t. p.

*Protektado.* Lia Kardinala kaj Princa Moŝto Klaŭdio VASZARY, primato por Hungarlando, kaj Lia Ĉefepiskopa Moŝto Johano CSERNOCH bonvolis akcepti la altan protektadon de la kongreso.

*Diservo.* Okazos solena diservo, pri kiu la dua cirkulero donos detalojn.

*Kongresurbo.* Laŭ feliĉa elekto de la **Dua**, la kongreso okazos en Budapest, ĉefurbo de Hungarlando, do en urbo, kiu estas centro de lando, kie renkontiĝas Oriento kaj Okcidento, Sudo kaj Nordo.

*Gvidlibro* pri Budapest. Post kelkaj semajnoj aperos ilustrita luksa gvidlibro pri la kongresurbo. Ĉiu aliĝinto ricevos ĝin senpage.

*Kongreskarto.* La komitato fiksis la kongreskotizaĵon je kvin kronoj (Sm.2.—). Familianoj pagas la duonon.

*Loĝado.* Al la komitato sukcesis jam nun zorgi pri preskaŭ senpaga loĝejo por pli ol cent sinjoroj kaj kvindek sinjorinoj. Krom tio komisiono zorgos pri malkara kaj komforta loĝejo por ĉiu kongresano, laŭplaĉe en hotelo aŭ alie.

*Datoj de la kongreso.* La kongreso komenciĝos la 22.—an aŭ 25.—an de aŭgusto kaj daŭros almenaŭ tri tagojn. La definitiva dato de la komenco dependas de la interkonsento kun la krakova organiza komitato.

*Pri fervojaj rabatoj, amuzadoj, ekskursoj, teatraj prezentadoj* estos komunikataj detaloj en la pluaj cirkuleroj.

Entute la komitato certigas koran akcepton, amikan gastamon.

LOKA ORGANIZA KOMITATO.

---

# Kroniko de I. K. U. E.

---

## La Tria Jarkunveno de „Nederlanda Katoliko".

Kvankam la Ligo „Nederlanda Katoliko" ankoraŭ ne plenajn tri jarojn ekzistas, pro la ŝanĝoj en la regularo, okazis la 3-a jarkunveno la 14-an de Aprilo pasinta en la urbo Schiedam (Ŝidamo). Je la naŭa matene, multaj membroj ĉeestis la S-tan Meson, speciale oferita por la Ligo de Pastro H. LINNEBANK, O. S. Cr., kaj komuniiĝis. Dum la S-ta Meso la pastra oferanto diris sentplenan kaj kortuŝan predikon esperantan.

Post la komuna matenmanĝo la Ligestraro kunvenis je la dekunua.

Je la unua tagmeze la prezidanto malfermis la kunsidon per la kristana saluto, dezirante al la multnombraj ĉeestantoj koran bonvenon. Li diris, ke tiu-ĉi kunveno

estis la unua post la akiro de la Reĝina aprobo al la ŝanĝita regularo, kaj esperis, ke de nun la Ligo enirus novan prospero-epokon. La financoj nun estis en bona ordo, dank' al la altigita kotizaĵo kaj la eldonitaj obligacioj senrentaj. La Ligo nun ekzistas ne el *personoj,* sed el *unuiĝoj,* kaj ĉiu unuiĝo havas deputaton en la Ligestraro. La prezidanto komunikis, ke la Ligestraro, en ĝia kŭnveno tenita matene je la 11-a, elektis la ĉefestraron, konsistantan el la antaŭa ĉefestraro eksiĝinta.

Poste la ĉefsekretario legis la protokolon de la antaŭa ĝenerala kunveno, kiu plene estis aprobita. La raporto de la ĉefsekretario, pri la stato de la Ligo, konstatis bedaŭrindan fakton, nome ĉar la Ligo perdis 5 sekciojn kaj ĉirkaŭe 200 membrojn, ĉefe pro la altigita kotizaĵo. Post la antaŭa jarkunveno, tenita la 13-an de Aŭgusto 1911, estas starigitaj nur du novaj unuiĝoj. Je la 15-a de Marto pasinta, la Ligo nombris 12 unuiĝojn kun 589 membroj kaj 147 favorantojn. La raporto donis plue kelkajn komunikaĵojn pri la agoj de la komisionoj. La komisiono por la presaro forsendis 9 sciigojn pri la esperanta movado al 36 katolikaj gazetoj, kaj verkis diversajn ĉefartikolojn por kelkaj ĵurnaloj katolikaj.

La dua sekretario legis raporton pri la stato de Esperanto en la katolikaj instruejoj. Li forsendis 134 cirkulerojn al seminarioj, gimnazioj, formejoj kaj kolegioj, tamen nur 14 respondojn li estis ricevinta. En malmultaj instruejoj Esperanto estas instruata kaj nur en la ripoztempoj.

La prezidanto dankis la raportinton kaj proponis elsendi jare saman cirkuleron por propagandi Esperanton en la instruejoj kaj la kunveno aprobis tion.

Nia kasisto sciigis nin pri la stato de la kaso. Kvankam montriĝis, ke nia Ligo havas sufiĉe grandajn ŝuldojn, per la altigita kotizaĵo kaj aliaj faritaj aranĝoj por amortizi ilin, baldaŭ ni estos senŝuldaj.

Dum la paŭzo, virĥoro kantis tre bele diversajn kantojn i. a. „La Espero", poste la ĉeestantoj kune kantis „Ni volas Dion".

Dume komisiono ekzamenis la rajtigdokumentojn de la

delegitoj, kaj, post la remalfermo de la kunsido sciigis, ke 11 unuiĝoj sendis delegiton.

El la diversaj proponoj mi nur priparolos kiel la plej interesan, la proponon por starigi regionkunvenojn. S-ro P. A. SCHENDELER, nia fervora propagandisto klarigis la intencon de tiuj-ĉi kunvenoj kaj instigis la membrojn partopreni al la unua regionkunveno tenota en Veghel (Veĥelo).

Poste S-ra Moŝto Th. C. VAN ERP, kapitano infanteria, faris belan interesplenan paroladon pri la temo „Kial ni devas esti Esperantistoj kaj precipe ni, „katolikoj." Li montris la grandan utilon de Esperanto por la homaro kaj precipe por la katolika Eklezio kaj kritikis sprite la diversajn atakojn kontraŭ ĝi. Priparolante la celon de la katolikaj Esperantistoj, li citis la vortojn de Lia Papa Moŝto Pio X-a kaj aliaj eminentaj personoj pri Esperanto. La parolinto estis aŭskultata kun granda atento kaj ricevis tondran aplaŭdon.

Fine la prezidanto, dankinte la parolinton, la gasteman Ŝhidaman unuiĝon kaj la kantistojn, fermis la kunsidon per la kristana saluto „Laŭdata estu Jezuo-Kristo.

Post la fermo de la kunsido la partoprenantoj unuiĝis por la komuna tagmanĝo; ĝi finiĝis tre festene, societeme. La festtago finiĝis per ŝipveturo al Rotterdam.

Utrecht, 21-4-1912.

H. B. VAN ZWET,

Ĉefsekretario de „Nederlanda Katoliko".

---

## Agado de P-ro Bianchini en Italujo kaj Aŭstrio.

*Trieste* (Aŭstrio).

Dimanĉon, 28-an de Aprilo en la sidejo de la *Katolika Societo*, pastro BIANCHINI faris konferencon pri *Katolikismo* kaj *Esperanto;* kaj lundon, 29-an, la sama pastro faris konferencon en la *Oratorio de la Salesianoj*, tuŝante precipe utilecon de Esperanto por junuloj, por elmigrantoj kaj por misiistoj.

La du konferencoj faris grandan impreson, kaj nun oni faras en Trieste kvar kursojn por la katolikoj: unu por la Katolikaj Societoj; unu por la Kapucenoj, kaj du por la Salesianoj.

*Spilimbergo* (Udine—Italujo).

Dimanĉon 21-an de Arilo, Pastro BIANCHINI faris konferencon pri *kristana civilizacio* kaj *Esperanto* antaŭ ne multnombra, sed entuziasma aŭdantaro. Oni organizas nun kurson, kiun gvidos la sama pastro. Baldaŭ la I. K. U. E. havos reprezentantojn ankaŭ en tiu ĉi bela urbeto, centro de Friullando. —

S. Vito al Tagliamento (Italujo).

La 5-an de Marto Pastro BIANCHINI faris konferencon kaj komencis kurson, kiu finiĝis la 15-an de Aprilo.

Partoprenis 25 personoj. Nun en tiu-ĉi urbeto oni havas:

1. Monsinjoro Raimondo BERTOLO
2. Pastro Emilio CARRARA
3. Pastro Matteo COTTUZZO

   } Konfesprenantoj kaj religiaj konsilantoj.

4. F-inoj LINAZZI
5. S-ino Margerito STUFFARI
6. S-ino Luigio OLIVO, instruistino

   } por helpo de virinoj kaj junulinoj.

7. Katolika Esperanto-Oficejo ĉe S-ro Antonio PAOLET, presisto.

---

# KATOLIKA VIVO ĈIULANDA.

## La 23-a Internacia EŬKARISTIA KONGRESO en WIEN.
## 12-a—15-a de Septembro 1912.

### TEMOJ DE LA RAPORTOJ DUM LA SEKCIAJ KUNSIDOJ.

*Asketa vivo de pastroj:* S-ta Tomaso de Aquino kaj la eŭkaristia oficio. — La peto pri pano en Patro Nia. — Zorgemo de pastroj koncerne la Eŭkaristion (Rubrikoj, ornamo de preĝejoj, ministrantoj, preĝejservistaro). — Por-abstinenteco-movado.

*Zorgado pri gejunuloj:* Kiamaniere oni praktike povas

obei la ordonojn de la Sankta Patro pri la gelernantoj kaj venki malhelpojn eble kontraŭstarantajn. — Akceptado de la komunio por la postlernejaj gejunuloj. — Kiamaniere la ĉeestado ĉe mesoj estas la plej fruktoportigebla por gejunuloj.

*Universitatanoj*: „Panis angelicus". — Diservo por universitatanoj kaj flegado de la animoj de studentoj. — Hejmoj por studentoj.

*Eŭkaristia arto:* Pri la principoj de la Eŭkaristia ekspozicio.

*Asketa vivo de laikoj:* Spirita komuniiĝo (praktikaj informoj por la ekzercado). Vizitado de la plej sankta sakramento (mesoj, ekzercado de sinoferoj). La sakramentoj de konfeso kaj de komunio (instigado al ofta, eĉ ĉiutaga komuniiĝo).

*Teologiaj universitatanoj:* „Ad Deum, qui laetificat juventutem meam!" — Eŭkaristio kaj muzikarto (dogme-liturgie). — La signifo de kantoj por la meso kaj por la plej sankta sakramento rilate al la flegado de animoj. — Muziko per muzikiloj dum Diservoj.

*Apostola zorgado por virinoj:* Reformado de la familioj per la Eŭkaristio. — S-ta Franciskino de Chantal. — Helpado de virinoj en la flegado de animoj (kateĥizo laika, ĝustatempa zorgado pri mortantoj, flegado de malsanuloj en iliaj hejmoj, unuiĝoj por liverado de ekleziaj vestoj, zorgado pri alvenintinoj en stacidomoj).

*Flegado de animoj en grandurboj:* Predikoj kiel parto de mesoj. — Anoncado kaj disvastigo de la programo de Diservoj. — La sankta Komunio.

*Historio kaj arĥeologio de la plej sankta Sakramento:* Propono, verki konkordancon de la ritoj latina kaj greka. — Konferenco pri la simboleco de la ekleziaj vestoj.

*Helpa organizo de la flegado de animoj*: La interna vivo de unuiĝoj kaj la Eŭkaristio. — Agado de unuiĝoj eksteren kaj la Eŭkaristio (ĉeestado de unuiĝoj laŭprofesiaj, laŭseksaj kaj por ekskursoj k. t. p.) — Presaĵoj servantaj al la kulto de la eŭkaristio (kalendaroj kaj gazetoj de paroĥoj, bibliotekoj por popolo k. t. p.)

*Unuigaj celadoj*: S-ta Krizostomo kiel „Doctor Eucharisticus". — Per la eŭkaristio al unueco. — La nuna stato de la demando pri epiklezo. — La eŭkaristio en la historio de la unio.

**TEMOJ DE LA PAROLOJ DUM LA FESTAJ KUNSIDOJ.**

*Dum la malferma (unua festa) kunsido*: Oficialaj salutparoloj. — Laŭtlegado de la Papa letero. — Festa parolado pri la fundamenta ideo de la kongreso: „Testamentum Jesu Christi" („praesentia realis", adorado). — Akcepto, disvastigo kaj defendado de tiu heredaĵo (kunlaboro de laikaro, eŭkaristia apostola zorgado, misioj.)

*Dum la dua festa kunsido*: „Manna de coelo descendens" (la eŭkaristio ne estas produkto de evoluo, nek el hebreismo, nek el paganismo, sed nove fondita de Jezu Kristo.) — La interkonsiliĝo en Tridento. — La eŭkaristio en la historio de la regno de l' Habsburgidoj.

*Dum la tria festa kunsido:* S-ta Alfonzo kaj S-ta Klemento M. HOFBAUER (militado laŭprincipa kaj praktika kontraŭ Jansenismo. Oftaj komuniiĝoj kaj festaj Diservoj). — La eŭkaristio kaj la vivo en monaĥejoj (efiko de komunio). — Renovigo de la laborado por la flegado de animoj.

*Dum la ferma (kvara festa) kunsido:* Ĝenerala raporto kaj voĉdono pri la decidoj de la sekcioj. — La regno de belo kaj eŭkaristio. — La eŭkaristio kaj la estonteco de la eklezio. — Finaj paroladoj.

**Diversaj sciindaĵoj el la programo.**

Ĝis nun anoncis sian ĉeeston ĉe la kongreso *240 episkopoj el ĉiuj landoj*, inter ili, krom ĉiuj aŭstriaj, hungarujaj kaj kroatujaj, la ĉefepiskopoj de *Köln*, *Metz kaj Milano*, ankaŭ el Ameriko kaj el orientaj landoj. La nobelularo el Aŭstrio partoprenos kaj la nobeluloj hungaraj kaj polaj aperos dum la festa eŭkaristia procesio en siaj luksaj naciaj paradvestoj. La kavaliroj de la nobelaj ordenoj aperos en la tradicia vesto de la ordenoj, la generaloj kaj la oficiraro de la Wien'a garnizono en parada uniformo, la kongresanoj el la Alpaj landoj, el Moravio, Bohemio, Gali-

cio en pentrindaj naciaj kostumoj, same kiel 4000 kroatoj. La universitatanaj unuiĝoj en studenta paradvesto. *La procesio do estos spektaklo neforgesebla en sia multkoloreco kaj diverseco de aperaĵoj.*

La *anoncoj de partopreno el aliaj landoj* multiĝas: 700 hispanoj; tri specialaj vagonaroj kun britoj jam estas anoncitaj, ankaŭ multaj kongresanoj el Francujo, Italujo, Belgujo kaj Nederlando.

Tre impresiga certe estos la *amasa komuniiĝo de infanoj en parko de l'princo de Schwarzenberg.* Dudek mil infanoj kunę komuniiĝos tie, gvidataj de kelkcent sinjorinoj.

La kongresanoj ricevas *50 %-an rabaton* de prezo por *biletoj en ĉiu klaso* de vagonaroj tra Aŭstrio, ankaŭ rabatojn sur vaporŝipoj kaj en specialaj vagonaroj dum kongresaj ekskursoj, *senpagan eniron* en la *muzeojn* kaj galeriojn de pentraĵoj k. a. En la imperiestraj teatro kaj operejo oni preparas specialajn prezentadojn, ankaŭ en la fama imperiestra rajdejo prezentadon de hispana alta ĉevalrajdo-skolo. *Religiaj koncertoj* estos aranĝataj.

Dum la kongreso oni povos aŭskulti en la preĝejoj *religiajn kantojn* kaj muzikojn laŭ *Gregorio*, plue de *Palestrina*, de *Mozart* kaj de *Haydn;* dum la festa procesio pli ol kvarcent kantistoj kantos *specialajn*, por eŭkaristiaj kongresoj, *komponaĵojn*, gardatajn en la Benediktina abatejo de Emaus. La muzikistaro el la instituto de Don Bosco (Salezianoj) en Trieste kaj dek militistaj muzikistaroj akompanos la festan meson por la procesianaro.

Ankaŭ por la *ritoj greka* kaj *armena* okazos *episkopaj Diservoj* en speciala preĝejo.

La *delegito-kardinalo de la Sankta Patro* alvenos en Wien la 10-an de Septembro per fervojo kaj estos akceptata kun ĉiuj *honoroj por fremda suvereno.*

*Ĉiuj demandoj* pri la kongreso estu direktataj al la *Centra Oficejo de Eŭkaristia Kongreso, Wien I. Stefansplatz 5,* ankaŭ per Esperanto. *Fidindajn informojn al Esperantistoj* sendas S-ro *Joh. Schröder*, L. K., redaktoro, *Wien, VII. Kaiserstrasse 10.*

*Venu ni adoru!* (Oficiale komunikita).

**Artikolo elprenita el pola Gazeto „Przeglad", 11, 4.' 12.**

(Tradukita esperanten.)

Kolegoj! Jaro Eŭkaristia alvenis, la tempo de granda Kongreso alproksimiĝas. Ĉie ekaperas plej viviga ekinteresiĝo pri ĝi. La gentoj de l' Aŭstrio ekokupiĝas je ĉi tiu granda festo de Kredo Kristana!

Katolikaj studentoj de l' Aŭstrio, katolikaj studentoj de tutmondo!

Al vi ni nin turnas sub nomo de Vienaj akademianoj. 12 septembron 1683 partoprenis heroe la studantoj sur digoj Vienaj, por repuŝi eternan malamikon kaj por savi la kulturon de Okcidento. Tial ĉiuj studantoj devas ĉeesti 12 septembron 1912, kiam oni estas prifestantaj la rememorigon sur loko de batalkampo kaj venkon kun tiama ekstera malamiko kaj revekiĝon de Kristana spirito.

Rilate al ĉi tio oni devas envicigi en la Kongresprogramon la anaron de sekcioj akademianaj, por priparoli la demandojn rilatantaj al vivo religia de l' studantoj; la pluaj interkonsiliĝoj sekvas eventuale. La komuneco de l' eklezio devas trovi esprimon kaj rebrilon en komuna renkontiĝo kaj interŝanĝo de pensoj de junaj akademianoj el diversaj landoj kaj popoloj. Por aranĝi ĉiujn aferojn de koncernantaj studantoj antaŭ kaj dum kongreso, formiĝis komitato, kiu konsistas el reprezentantoj de sube cititaj studant-societoj en Vieno. La tasko de ĉi tiu komitato estos: firmigi programdetalojn por alilandaj kameradoj jam nun, rapidhelpi kaj konsili kaj poste preparigi al ili memorigan kaj agrablan estadon en nia ĉefurbo, kiu estas tiel riĉa je trezoroj de l' arto kaj kulturo. Plu estas devo de ĉi tiu komitato precipe faciligi laŭeble ankaŭ al siaj malpli riĉaj kameradoj la partoprenon en ĉiuj festoj. En ĉiuj aferoj rilatantaj al kongreso oni petas sin turni al akademiana komitato Eŭkaristia (ĉefoficejo de kongreso Eŭkaristia Vieno I, Stephansplatz 5), kiu plej volonte informos pri ĉiuj deziroj kaj servos al siaj partoprenontaj gastoj. Ĉiuj demandoj povas esti direktataj al komitato en unu

el la lingvoj parolataj en monarĥio Aŭstria, en lingvoj alilandaj internaciaj kaj en *Esperanto*.

Al vi, katolikaj organizaĵoj de Akademianoj, ni vokas kiel al reprezentantoj destinitaj esti plej granda parto de l' studantoj, konvena al via indeco, reprezentado kaj signifo de tutmonda kongreso, por ke vi turnu vian atenton inter plej multaj rondoj pri ĉi tiu granda festo kaj por ke vi ebligu plej grandan anaron partopreni en ĝi.

Vi pioniroj de ideo katolika! Ni alvokas vin pruvi ageme en ĉi tiu okazo vian kredon kaj preni sur vin en momento de tiel grava afero la penojn kunigitajn, partoprenante en la kongreso. Vi memoru pri viaj sublimaj idealoj! —

La popolo katolika atendas vin unuavice inter anaro de ĉi tiuj, kiuj, alveninte, helpos sukcesigi tiun-ĉi grandan verkon. Donu Dio! por ke katolikaj studantoj de tutmondo estu 12 septembron 1912 ekzemplo kaj kondukantoj de katolika Aŭstrio. —

Ĉiuj societoj katolikaj de akademianoj en Vieno:

Aargaŭ, Aŭstria, Franko-Bavaria, Kürnberg, Marko-Danubia, Nibelungia, Nordgaŭ, Norica, Rudolfina, Rugia Babenberg, Danubia, Welfia, Amelungia, Akademia, Adelwiss, Vereinigung, Eichendorff, Philologenverein, Danica, Hrvatzka, Lipa, Polonia, Unione et cc. Cat. It., Ak. Congr. Canisiuskirche, Ak. Congr. Universitätsk., Piusverein, ak. O. G., Schulverein, ak. O. G., Ak. Vincenzkonferenz. —

## Katolika Junularo.

Oni intencas okazigi internacian kunvenon de la kristana ĵunularo dum la Eŭkaristia Kongreso en Wien. S-ro KARLO WESELY, sodalis Marianus, Wien XXI, Schenkendorfgasse 35/10 (Aŭstrio) petas sendi al li adresojn de katolik-junulaj Unuiĝoj el ciuj landoj.

## El la „statistika jarlibro por la prusa ŝtato" ni resumas jenon:

Inter la 37 293 324 loĝantoj estas 62, 59 % protestantoj, 35,80 % katolikoj. La protestanta loĝantaro kreskis de 1900 ĝis 1905 po 0,30 %, la katolika po 0,66 %. La naskiĝnombro estas por la katolikoj multe pli granda ol por la protestantoj. Po 1000 naskiĝoj la protestantoj en jaro 1908 havis 530 infanojn, la katolikoj 398 infanojn, kvankam la lastaj nur estas triono de la loĝantaro. La „du-infan-sistemo", kiu pli kaj pli progresadas en protestantaj rondoj, precipe en la grandurboj, klarigas la malprogreson de la naskiĝoj inter la protestantoj. El 1000 edziĝintoj estas jaron 1908 pure protestantaj: 593, pure katolikaj: 299, miksitaj 90,6. La nombro de la miksitaj edziĝoj kreskis de 1900, kiam ĝi estis 75,3 po 1000, ĉiam ĝis 1908. Berlin marŝas antaŭen kun 747,1 miksitaj edziĝoj po milo da edziĝoj; ĝin sekvas Hessen-Nassaŭ kun 145,2, Schlesien kun 136,3, Rheinland kun 114,6; la plej malgrandan nombron da miksitaj edziĝoj montras, 1908, Pommern kun 23,2 po 1000 edziĝoj. El 1000 protestantaj loĝantoj estas, 1900,: 14,73 mikse edziĝintaj; 1905: 26,96. La nombro de la protestantoj mikse edziĝintaj do malkreskis, kontraŭe la nombro de la katolikoj mikse edziĝintaj kreskis po 0,44 el milo de la katolika loĝantaro.

## Katolika popola Ligo por Aŭstrujo.

Okaze de la brile okazinta Insbruka katoliktago, en la kristana gazetaro nun la alvoko eksonas pri la aliĝo al la „*katolika popola ligo por Aŭstrujo*", kiu estas la plena portreto aŭstruja de la popolunuiĝo por la katolika Germanujo. Ĝi jam estis fondita aŭtunon 1909 de la centra komitato por Aŭstrujo. Ĝia celado estas: *la instruado, sciigado kaj ekzercado de la popolo pri apologiaj, socialaj kaj ekonomiaj demandoj.* Tial ĝi intencas agadi per kunsidoj, flugfolioj, per la sesfoje en jaro aperanta ĵurnalo „la Popola Ligo", per *konfidviroj* kaj centrejo, ĉe kiu sidas la pezocentro de la ligo; tiu ĉi estas nome bone organizita sekretariejo,

kiu prizorgadas la aferojn ligajn; ĝi posedas ampleksan bibliotekon kaj vaste konstruitan registrejon, el kiu la anoj, kiel el plenega armilaro, povas ricevi la spiritajn armilojn. La unuan jaron vasta propagando ne jam estis farita, tial ke la estraro de la popola ligo intencis unue provi ĝian vivpovon; sed de post kiam, dum tiu ĉi jaro, el ĉiuj flankoj de la imperio, entuziasmaj konsentoj venis, de post kiam miloj aniĝis, oni ne prokrastos plu momenton, kaj tuj komencos la agadon. Ano fariĝas ĉiu ajn, paginte jaran kotizaĵon de almenaŭ unu krono (t. e. unu fr.); la anoj ricevas la ligan ĵurnalon kaj la flugfoliojn senpage; ili rajtas senpage uzi la socialsciencan kaj apologian bibliotekon de la „Popola Ligo" (du librojn en tri aŭ kvar semajnoj); la alsendo fariĝas afrankite kaj eĉ tiel zorge pakite, ke la enpakaĵo estas uzebla ankaŭ por la resendo. Ĉar la materialo de la registrejo pri socialaj, apologiaj kaj aliaj tag-demandoj ne estas pruntedonata, la anoj povas en la centrejo mem travidi la materialon kaj fari la necesajn notojn. Kun la centrejo estas ankaŭ kunligita la sociala sciigejo, de kiu oni ricevadas senpage sciigon pri ligaj kaj organizadaj aferoj, pri malsan-, malfeliĉ-, maljunec- kaj invalidec-asekuroj, pri impost-, militist-, lu-, hejm-aferoj kaj similaj buŝe, aŭ skribe kontraŭ respond-kupono. La centrejo troviĝas en Vieno (Wien), Predigergasse 3. Espereble ankaŭ la sukcesoj de la katolika popola ligo similos tiujn de la popolunuiĝo por la katolika Germanujo.

## La Katolika Eklezio en Usono.

Laŭ la adresaro de la Eklezio Katolika amerikana por 1912 ekzistas nune 15.015.569 katolikoj en la Unuiĝintaj Ŝtatoj t. e. alkresko de 391.808 dum la lasta jaro, kaj de pli ol kvar milionoj dum la lastaj dek jaroj. Ekzistas en la Unuiĝintaj Ŝtatoj 17.491 katolikaj pastroj, el kiuj estas 12.996 sekularaj pastroj. La nombro de la pastroj kreskis la lastan jaron je 407. Katolikaj preĝejoj ekzistas 13,969. En la Ŝtatoj Newjork, Pennsylvanien, Illinois, Massachusetts, kaj Ohio loĝas la plejmulto da katolikoj. En lastnomita ŝtato ekzistas tri teologiaj seminarioj, en kiuj 249

junaj viroj prepariĝas por la pastra profesio. Ankaŭ ekzistas en tiu ŝtato dek „Colleges" por knaboj, 31 akademioj por knabinoj kaj 370 lernejoj komunumaj, kiujn vizitadas 93.392 infanoj. La sola kristana eklezio de la Ameriko, kiu ĝojiĝas pri orditaj rilatoj, estas la katolika; kaj oni ne eraros, kiam oni supozos, ke la konita elekto de la ĉefepiskopoj al la kardinala indeco rilatas al tio. Ke la Ĉielo progresigu pluan bonfarton de la katolika eklezio de Ameriko!

---

# Bibliografio.

*Oficiala Jarlibro* de la Universala Esperanto-Asocio. 1912, — Rue de la Bourse, 10, Genève (Svisujo). Prezo 50 Sd. — Plej rekomendinda!

*Sepa Universala Kongreso de Esperanto* (Antverpeno, 20-27 Aŭgusto 1911). — Esperantista centra oficejo, 51 rue de Clichy, Paris. — Prezo 3 frankojn. — Tiu ĉi 200-paĝa libro grandformata enhavas ĉiujn detalojn. Bedaŭrinde la katolikoj forgesis ensendi raporton pri siaj specialaj kunvenoj en Antverpeno, pro kio ĝi mankas en la rubriko: Kunveno de specialistoj, p. 134-180. — Ni ne forgesu en Krakovo k. t. p.

*Esperantista Poŝkalendaro 1912.* — Esperanto-Verlag Möller & Borrel, Berlin S. W. 68. — Tre rekomendinda praktika poŝkalendaro! Prezo 0.400 Sm.

*Gvidfolioj* eldonitaj sub la aŭspicioj de U. E. A. — Gvidfolio *tra Elberfeld* 10-paĝa, bele ilustrita, mendebla per *ilustrita* poŝtkarto ĉe: Verkersverein Elberfeld, Hofaue 95, Germanujo. — Tra *Spa* (Belgujo), eldonita de la „Societo Esperanto" de Spa. — Tra *Praho* (Bohemujo), eldonita de la „Centra Asocio Bohema Unio Esperantista."

*Ĝenerala Katalogo* de la „Presa Esperantista Societo", 33, rue Lacépède, Paris. Senpage.

*Internacia Kongreso por la Plibonigado de la sorto de la Blinduloj,* de Prof. D-ro Henri DOR. 1912. — Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. — Prezo Sm. 0.10.

*Kiel vin organizi? Studo kaj propono pri la Organizo de la Esperanto-Movado*, de H. HODLER, direktoro de U. E. A. 1912. — Universala Esperantia-librejo; 10, rue de la Bourse, Genéve (Svisujo). Prezo 10 Sd. — Jen demando, kiu maltrankviligas multajn spiritojn. Ĉu la solvo de S-ro HODLER estas la plej ĝusta? Ŝajnas al mi, ke ĝi ne estas laŭ la intenco de nia kara Majstro ZAMENHOF. Tiu-ĉi, al kiu Esperanto estas la plej kara, kiu pleje deziras ĝian bonfarton kaj sukceson, formetu en tiu-ĉi grava demando sian tro grandan modestecon, kaj kiel eble plej baldaŭ, laŭ plej nepridubebla maniero sciigu, unue ĉu li nepre deziradas la tutmondan organizadon de la Esperantistaro; se jes, due kiamaniere li deziras ĝin, kaj kiamaniere li ne deziras ĝin. La klare esprimita deziro de nia Majstro, lasante ĉiujn liberaj por decidi, donos al la *plimultego*, kiuj komprenas tute nenion pri la organiza demando, kvankam de ili dependos la definitivan decidon, almenaŭ plej fidindan vojmontrilon, por ke oni ne deflankiĝu de la vojoj, kiuj nur povas konduki al la alsopirita celo: tutmonda organizo sendanĝera por nia movado mem.

Eble la oficiala organo de la VIII-a Kongreso, *Pola Esperantisto*, povus peti nian Majstron, konigi lian deziron pere de ĝi?

D-ro SMULDERS.

## Katolika Junularmovado en Aŭstrio.

*Unsere Jugend*, Zeitschrift für kartellierten Verbände: Verband der christliche Jugend Östenreichs; — Bund der Arbeiterjugend Östenreichs. Kun aldono: *Neues Leben*. — Redaktoro: Jozef GERM. — Abonprezo por eksterlando: 3 Kronojn.

*Geschichte der christlichen Jugendbewegung*, 5 volumoj, prezo ĉiu po 20 heleroj; kune bindite 1 kronon 30 helerojn.

*Die Pfingsttagung 1911* der christlichen Jugend Östenreichs. — Prezo 50 helerojn

Haveblaj ĉe la centra oficejo = Zentralstelle der chr. Jug. Öst., Pulverturmgasse 15, Wien IX/4. — 1 krono = 100 heleroj = 0.415 spesmiloj.

En Aprilo mi ricevis la duonmonatan gazeton *Unsere Jugend* (Nia Junularo) kun aldono *Neues Leben* (Nova Vivo), kaj samtempe leteron de S-ro Karlo WESELY, ano de l' estraro de la *Asocio de la kristana* (= katolika) *junularo de Aŭstrio* (Verband der christlichen Jugend Östenreichs), kies organo estas supra gazeto. Oni petis interŝanĝi „*Espero Katolika*" kun „*Unsere Jugend*". S-ro WESELY aldonis, ke li lernas Esperanton 4 monatojn kaj ke en lia Asocio Esperanto-kurso okazas, pri kiu oni tre interesiĝas.

Mi, legante la peton, samtempe konsentis: estas laŭ „Nia Programo" interŝanĝi kun *ne-esperantistaj* gazetoj (Vidu E. K. Jan. 1912 pag. 10). Traleginte la alsenditan numeron de *Unsere Jugend*, mi tuj ekrimarkis, ke ĝi ne estas infana aŭ ordinara gazeteto, sed de la unua komenco la impreso estis, ke spite la nomo, ĝi estas vira, serioza kaj interesega gazeto. Mi do respondis, ke mi volonte sendos interŝanĝe la aperintajn E. K.-numerojn 1912, petante alsendon de la aperinta parto de la jarkolekto de *Unsere Jugend.*

Mi baldaŭ ricevis la demanditaĵojn kaj eĉ pli. Oni samtempe sendis 5 volumetojn, enhavantajn „Historion de la Kristana Junularmovado en Aŭstrio" (Geschichte der christlichen Jugendbewegung) kaj la Raporton pri la Pentekostkunveno 1911 (Die Pfingsttagung 1911).

Mi komencis serioze legadi kaj pristudadi kun ĉiam pli granda scivolemo kaj interesiĝo. Vere, mi malkovris ion ne ĉiutagan. Juna movado por junuloj aŭstriaj, kiu estas eĉ pli juna ol nia katolika Esperanto-movado, starigita de de P-ro Peltier. Ĉar ĝi komencis 15 Jan. 1905, havante 1 klubon kun 12 anoj. Ĝi de la unua momento renkontis sovaĝan kontraŭbatalon de la social-demokratoj kaj nekomprenon kaj malŝaton de katolika flanko. Spite vera amasego da malfacilecoj, kiuj multfoje minacis plenan pereon kaj neniigon, tamen

Obstine ĝi paŝas, provita, hardita,
Al cel' unu fojon signita!

Ankaŭ la pioniroj de tiu movado kaj ĝiaj anoj povis plenrajte diri:

Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj,
Nek batoj de l'sorto, nek mokoj de l'homoj,
Ĉar klara kaj rekta kaj tre difinita
Ĝi estas, la voj' elektita.

En Junio 1911 la Asocio nombris jam 90 grupojn kun 3509 membroj.

Plej sana kaj plej alta Idealismo nutras la entuziasmon de tiuj kuraĝaj junuloj, kiuj, plene komprenante la deziron de nia S. Patro Pio X, ne kontentigas sin je preĝado, je pripensoj, je varmaj paroladoj, je plendoj kaj ĝemoj, sed kiuj tuj elmetas la manojn el la manikoj kaj komencas la laboron sentime kaj neŝanĉeliĝe. Antaŭen! For ĉiu rutino, for ĉiu duoneco; al la laboro por la reviviĝo de la kristanaj praktikadoj. La mondo estu kristanigita ne nur ŝajne kaj nome, sed plej efektive. For la superregado de la materialismo kun ĝiaj ruinigaj influoj, sub kies ŝajnfeliĉiga jugo ĝemas la trompita homaro kaj estas subpremataj la kristanaj principoj. Vekiĝu, kristanoj! Antaŭen, por ke la divizo de de nia Patro Pio X plenumiĝu; „Renovigi ĉion en Kristo"; por ke la Dio-homo sola nur estu la Reĝo en la mondo.

Anton OREL estis la iniciatinto kaj fondinto de tiu Asocio; li estas la kuraĝa kondukinto de tiu antaŭgvardio de la renoviga kristana movado, kies principoj estas nur la ĉiamaj altaj principoj de la Kristanismo. Kiu miros, ke la ne-kristanoj furioze atakis tiun heroon kaj preskaŭ sukcesis neniigi lin? Kiu miros, ke tiu, kiu nedeflankiĝante, obstine paŝis antaŭen, predikante la spiritan krucmiliton, renkontis kontraŭstaron ankaŭ en katolikaj rondoj, kiuj estis vekiĝintaj el la ĉiutaga rutineco pro sinceraj riproĉoj pri nefervoreco aŭ dormiĝemeco, aŭ kiuj defendis la ĝisnunan organizan formon kontraŭ reformoj proponitaj de la juna movado? — Sed la movado ĉiam venkis.

Mi intencas pli poste skribi artikolon pri la principoj de tiu ĉi mirinda kaj miopinie gravega movado, kiu nepre venkos por la gloro de Dio kaj la teruro de Liaj malamikoj.

Tie ĉi mi intencas nur atentigi pri la *ĝenerala karaktero* de tiu movado, kiu, bazante siajn principojn sur la neŝanceliĝebla fundamento de la Kristanismo, kaj ne ligante sin

al pereigaj homaj institucioj aŭ partioj, estas destinata al daŭra vivo kaj nepereeco. Tiu movado kun ĝia ĝenerala karaktero kaj firma principeco estas destinata al granda estonteco; ĝi ne limigos sin al Aŭstrio, sed disvastigos sin ne nur en la junularo tutmonda sed ankaŭ en la Katolikaro ĉiea. Tiu Asocio, entute kiel unu frate kunigita armeo, praktikidas la fundamentajn principojn de la Katolikismo individue kaj asocie; ĉio alia estas nur flankaĵo, kiu estas kun gaja oferemo kaj sen ia hezito forlasita, se necese aŭ dezirinde. Eĉ plej kara persono aŭ partio valoras por ili nur tiom, kiom ili valoras por la plej bona efektivigo de la renovigo de ĉio en Kristo, kaj por la defendo de „la Vereco, la Libereco kaj la Justeco", kiel sonas la devizo de la movado.

Sed — oni rimarkigos — ĉu ne ĉie la Katolikoj praktikas la samon en ĉiuj nacioj? Jes, tamen ĉiam ilia programo havas ion nacian, ion al partio apartenantan, ion starante aŭ falante kun la difinita formo, kiu korpigas ĝin, kun difinita persono, kiu gvidas ĝin. Sed ne tiel rilate al la OREL'a movado, kiu fondas sin eksklusive sur ĝeneralaj nepereeblaj ideoj de la Kristanismo, nedepende de kiu aŭ kio ajn. La unua formo ne estas aplikebla ĉiutempe kaj ĉiuloke kaj ĝenerale, sed ja la dua formo, kiu tuj senŝanĝe plene valoras kie ajn.

Ankaŭ internacie. Kaj jen la motivo, pro kio mi priparolis iom pli detale la aferon. Mi estas konvinkita, ke, se la spirito de tiu movado regus en nia internacia katolika Esperanto-movado kaj se ĝia fajro varmigus nin, ni de tiu sama momento fariĝus tiaj, kiaj ni devus esti. Entuziasmon dum kongresoj ni havas sufiĉe, ankaŭ bonvolecon kaj sincerecon; sed praktike nia movado faras tro malmulte, kaj tamen sur internacia kampo, preskaŭ tute nekulturita, restas al ni por fari ankoraŭ ĉion. Ĝis nun ni havas nur bonan volon, pian revon, entuziasman vorton. Kaj necese estas agoj grandaj kaj vastaj de internacia amplekso. Tiuj profitigus kaj apogus la naciajn agadojn, kiuj, kiom diversaj laŭ nacioj, tamen bezonas influriĉan praktikan centrigadon, por efike kontraŭagadi kaj venki la internacie organizitan sed nacie agantan malamikaron de Kristo kaj Religio.

Ŝajnas, ke S-ro OREL antaŭsentis tion, kiam li parolis dum la pentekostkunveno 1911 (Die Pfingsttagung 1911 p. 122-123): „Kaj ni rigardas tiel venkcertaj en la estontecon, „ĉar ni scias kaj sentas kaj spertis, *ke ni estas la estonto.* „La vorto ŝajnu al multaj eble aroganta; sed estas vere, „estas vere pro tio, ke nia movado korpigas ĉion tion, kio „da flamanta Idealismo ekzistas, kaj povas bruleti por vereco „kaj justeco en junaj homkoroj. La fajro, kiu brulas kaj „flamas en ni, ĝi devos ekflamigi kaj ekflamigos la tutan „mondon, t. e. la modernan, materialismigitan mondon."

Estu tiel. Per sia alta kaj bonega Idealismo la Aŭstria entuziasmigu kaj kunigu la tutmondan junularon; kaj *nia* internacia movado havos bazon, kiun ĝi bezonas. Elkreskos viroj memstaraj, karakterplenaj, provitaj kaj harditaj: I. K. U. E. vivos kaj ne nur nome sed efektive praktikos sian celon: „servi la interesojn de la Katolikismo".

Kiel pruvo, ke mi ne trograndigis aŭ min lasis fortreni per momenta entuziasmo, mi citas jenan leteron de la konata Viena apostolo de la viroj: P-ro ABEL, S. J., kiun li skribis okaze de la festo de la kvinjara ekzistado de la Aŭstria junulara Asocio, kies religia konsilanto li estas nuntempe (Geschichte der christlichen Jugendbewegung, 4. Heft, p 14-15):

Miaj karaj Junuloj,

Pro mia misia laboro mi estas bedaŭrinde malhelpita, akcepti vian afablan inviton kaj ĉeesti persone vian morgaŭan feston; vi tamen devas permesi min, esti kun vi en spirito.

Ne ĉiu „unuiĝo" aŭ „asocio" aŭ „Ligo" havas la *okazon* post kvin jaroj jam festi jubileon; ĝi ne plu survivas; ĝi estas jam antaŭe pie enterigita.

Ne ĉiu havas *motivon* okazigi ĝoje kaj feste tiel malgrandan jubileon; ĉar esti naskiĝinta antaŭ kvin jaroj, ne estas ja merito de l'infano.

Kaj tamen! — Vin kaj vian asocion mi gratulas tutkore je sesa naskiĝtago.

Mi gratulas Vin unue pro tio, ke Vi tiel bone komprenis kaj akceptis kiel viajn la *parolojn* de la Vikario de Kristo,

de nia glorplene reĝanta Papo Pio X: „Omnia restaurare en Christo; Ripari ĉion en Kristo.” Jes en Kristo! Tio estas ja pli alta, pli vera, pli hominda, pli daŭra — ĉar eterna — Idealo por junulo, ol la idealo de tiel multe da junaj homoj de nia epoko: „Mem multe ĝui kaj malmulte labori — per elspezoj de aliaj.” Tiu nia idealo donas al Vi ankaŭ la certecon pri la fina venko kun kaj per Tiu, Kiu iam diris: „Mi estas venkinta la mondon.”

Mi gratulas Vin due pro viaj bravaj kaj persistaj *bataladoj*. Vi bataladis dekstre kaj maldekstre, supre kaj sube. Vi bataladis dekstre kun pacienco, maldekstre kun kuraĝo, supre kun trankvilo, sube kun amo. Via glavo ne estas el frazo-kartono, sed el prudento-ŝtalo, malmola sed fleksebla; Via brako ne estis tiu de maldelikata soldato, sed tiu de nobla kavaliro; Via nuko ne estas sklave kurbigita por propra pasio aŭ fremda terurismo, sed vire rektigita.

Mi gratulas Vin trie pro *Unueco*, kiun vi pruvis, kaj gratulas Vin duoble en tiu ĉi epoko, en kiu neniu volas esti soldato kaj ĉiu, generalo. Vi estis unuecaj ne tiel kiel neligita ŝtonaro, sed kiel bone masonita muro; ne nur kiel muro, sed kiel viva organismo, ne nur ekstere meĥanike aŭ teruriĝe kunefandite, sed de el interne per *unu* koro kaj *unu* animo, ne nur kun Viaj kamaradoj, sed ankaŭ kun Viaj estroj.

Kontraŭe al la socialdemokrataj tiranoj *à la* GESZLER mi tamen krias al Vi ree la vorton de Svisa libereco en „Wilhelm Tell” de SCHILLER: estu unuecaj! unuecaj! unuecaj!

Kaj kiam Vi tiel post kelka tempo havos pli grandan aĝon, tiam estu kiel viroj ankaŭ unuecaj kun la portantoj de la kristansocia ideo en via patujo Aŭstrio — dinastie fidelaj kaj fidelaj katolike, ĉiutempe kaj ĉiuloke, kiel pli frue via pioniro barono VOGELSANG, kiu inspiris Vin.

Via sincera amiko.

P-ro ABEL S. J.

Mi tre rekomendas al la tutmonda junularo kaj al ĉiuj fervoraj I. K. U. E.-uloj abonon al „Unsere Jugend-Neues Leben.” Ili ne bedaŭros tion.

D-ro SMULDERS.

**Scienca Gazeto,** internacia monata gazeto pri scienco kaj industrio; oficiala organo de la *Internacia Scienca Asocio Esperantista.* Eldonita de Hachette & K-o, 79 Boulevard St. Germain, Paris. Redaktoro Ch. VERAX, 35 Boulevard Arago, Paris (XIII). — Jara abono 3 Sm.

Ĝojiga fakto! La I. Sc. As. Esp., de unu jaro senigita de oficiala organo, havas denove sian oficialan organon. La Idistoj laŭkutime konscie mensogis, ke ĝi ne plu aperis tial, ke Esperanto tute ne povas taŭgi por sciencaj verkoj kaj tiuj mensogoj tre malutilis la propagandon en la sciencistaj rondoj. Sed ĉiu scias, ke bedaŭrindaj personaj okazintaĵoj estas la kaŭzo, kaŭzo kiu havas neniel rilaton al taŭgeco aŭ netaŭgeco de Esperanto por scienca uzo.

La denova eldono de la *Scienca Gazeto* nun estas certigita, jam aperis la unua plej interesa numero de la nuna jarkolekto. Ĝi estas redaktita laŭ tute nova plano; kvankam pure scienca, ĝi estos redaktita tiamaniere, ke ĝi estos facile legebla de ĉiu ajn, kaj prezentos grandan intereson por ĉiuj Esperantistoj. Ĉefparte ĝi estas vulgariga gazeto, kiu simile al la angla kaj franca ĵurnaloj „Nature" konigos la ĝeneralajn progresojn kaj la plej aktualajn faktojn de la scienco.

Ĉiu, kiu iel povos, havas devon apogi la reaperintan gravan gazeton. Ni deziras al ĝi kore plej grandan sukceson.

D-ro SMULDERS.

---

La 2-an de Junio 1887 aperis, en Varsovio, la unua broŝuro: „D-ro Esperanto: Lingvo internacia. Antaŭ-parolo kaj plena lernolibro."

La tutmonda Esperantistaro sin preparos por solene festi **la 25-jaran Jubileon de Esperanto la 2-an de Junio 1912.**

---

# Preseraroj.

Januara N-ro 1912. —

p. 54 liber*a*laj (anstataŭ liber*u*laj principoj). — p. 17, la planedoj ricevis ĉiuj sian pe*z*on (anstataŭ pe*r*on). — p. 24 kaj 25, des*e*gnaĵoj anstataŭ des*i*gnaĵoj). —

---

Marta N-ro 1912. —

p. 78 „Sub grav*e*, devas esti „sub grav*i*". — La kvara intern. scienca kongreso de katolikoj okazis ne en *T*riburgo, sed en *F*riburgo. (p. 79 kaj 82). — Sur p. 89 la neatenta kompostisto metis 9-foje A anstataŭ K. —

---

Aprilo N-ro 1912. —

p. 126 „inexcusabil*es* sunt" (anstataŭ inexcusabil*e* sunt).

---